JARO XVI, Sofia—Bulgario
aprilo—junio 1972, № 2

# INTERNACIA



# JURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO (TEJA)

Portlando (USONO) — la urbo de la 57-a Universala Kongreso de Esperanto



## STATUTO DE TEĴA
(Propono de Dino Fabris, Italio)

1) NOMO KAJ SIDEJO — La nomo de la Asocio estas Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mallonge TEĴA. — La sidejo estas fiksita de la Centra Estraro, prefereble ĉe la Sekretariejo aŭ la Prezidanto.

2) CELOJ — (kiel la projekto de AVOTO, II.)

3) MEMBRECO — (kiel la malnova Statuto, 4.)

4) GVIDADO DE LA ASOCIO — Organoj de la Asocio estas: Faka Kongreso (aŭ Faka Asembleo), Centra Estraro, Plenuma Instanco.

5) FAKA KONGRESO — (aŭ Faka Asembleo, aŭ Jarkunveno, k. t. p.). La Faka Kongreso okazas en la kadro de Universala Kongreso, kondiĉe ke kvorumo da dek membroj (ne nur sep, kiel proponis AVOTO) ĉeestas. Sen kvorumo oni devas agi poŝte kaj per la organo. Ĉiujn tiujn jarkunvenojn prezidas la plej supera ĉeestanta estrarano (laŭ precedenco en regulo 6). Ĉiuj gravaj decidoj pri asocia organizo kaj proceduro bezonas ĝian konfirmon per simpla plimulto da voĉoj, kaj en okazo de egaliĝo la prezida oficisto havas duan voĉon.

6) CENTRA ESTRARO — Ĉiun trian jaron okazas elekto de Centra Estraro, kiu konsistas el: Prezidanto, 3 Vicprezidantoj, Sekretario-Kasisto, Komitatanoj.

(NOTOJ: Oni devus aŭ povus ankaŭ aldoni: 3 Revizorojn, kiuj, se eble, loĝu en la sama lando, kie estas la Estrara Sidejo. Ne estas necese elekti ankaŭ la anstataŭantojn de Estraranoj — kiel en 6 de la malnova Statuto, ĉar kutime anstataŭas ĉiam la kandidatoj, kiuj sekvas en la listo (vidu sube 10) kaj ricevis malplimultan kvanton da voĉoj.)

7) PLENUMA INSTANCO — La Plenuma Instanco konsistas el: Prezidanto, kiu reprezentas la Asocion en ĉiu agado; la Visprezidanto, kiu plenumas samtempe la taskon de kasisto por Orientaj Landoj kaj ĉefredaktoro de la organo de la Asocio; ankoraŭ 2 Vicprezidantoj; Sekretario-Kasisto, ĉe kiu estas oficiale sidejo kun ĉiuj dokumentoj de la Asocio, adresaro kaj aliĝiloj de la membroj. Li detenas ĉe si monon nur por pago de kotizo al Universala Esperanto Asocio kaj por kancelariaj elspezoj: la restantan sumon li sendas al la redakcio por eldon- kaj ekspedelspezoj de la organo.

(NOTOJ: La neceso de tiu ĉi supera estraro (kiun oni povas ankaŭ nomi: Prezidantaro, Sekretariaro, k. t. p.) evidentiĝas pro la fakto (jam spertita dum multaj jaroj), ke la kunlaboro per korespondado inter la Estraranoj povas okazi kun profito nur se estas malmultaj personoj en la gvidorgano de la Asocio, kiuj povas respondece kaj utile labori kaj havi oftajn kontaktojn, malfacilaj, kiam ili estas multaj.)

7) KOMITATANOJ — En ĉiu lando, kie estas almenaŭ kvin membroj, la Estraro povas nomi (ankaŭ laŭ propono de la membroj mem) unu konsentitan membron Landa Reprezentanto, inter kies funkcioj estas: kolekti kaj transpagi kotizojn de samlandanoj, disdoni la organon kaj aliajn oficialaĵojn en sia lando, varbi novajn membrojn kaj — se eble — organizi Filion. La Landaj Reprezentantoj iĝas Komitatanoj en la Centra Estraro.

9) FILIOJ — En ĉiu Lando, kie troviĝas almenaŭ dek membroj, oni rajtas starigi Landan Filion. Filioj estas administre kaj finance aŭtonomaj, sed dum ĉiu januaro ili devas sendi al la koncerna kasisto la abonkotizojn de la nova jaro kaj kopion de la filia bilanco de la antaŭa jarfino. Filio normale havas tri oficistojn; Prezidanto, Sekretario, Kasisto, balote elektitaj de la filianoj por tri jaroj. La Prezidanto rajtas partopreni, kiel Komitatano, la Centran Estraron.

10) ELEKTADO — Dum la elektojaro, la Estrarajn kandidatojn povas proponi la Faka Kongreso, la foriranta Centra Estraro, 10 regulaj membroj-pagintaj la jarkotizojn: la prezentado de la listoj devas okazi antaŭ aŭ dum la laboroj de la Faka Asembleo, kaj la Estraro estos elektita per poŝta baloto, voĉdonante unu solan liston, kiu entenos ĉiujn proponitajn kandidatojn. Pro tio, post la Faka Kongreso, la Estraro devos kiel eble plej baldaŭ sendi la proponitan liston al la membroj perla voĉdonado. Por esti validaj la voĉoj devos reveni en la manojn de la Estraro plej maltrne trionjaron (1 triono da jaro) post la Kongreso: se la Faka Kongreso okazas dum aŭgusto, tiam la baloto devas esti finita la 30-an de no-

## D-RO TADROS MEGALLI, VIC-PREZIDANTO DE TEĴA—60 JARA

Nia egipta samideano D-ro Tadros Megalli, kiu estis elektita en la ĝenerala kunveno de TEĴA en Londono kiel nova vicprezidanto de nia asocio, festas sian 60-an naskiĝtagon la 28-an de aprilo.

S-ro Megalli naskiĝis en urbo Fajum en suda Egiptio. Li esperantistiĝis jam kiam li estis juna studento 16-jara, kaj lernis Esperanton pere de koresponda kurso en Port Said.

La unuan E-kurson li gvidis jam en sia urbo Fajum en 1930 kaj sekvis fondiĝo de la unua grupo „Frateco". Poste li donis diversajn kursojn ne nur en sia urbo, sed enkaŭ en Kajro kaj Aleksandrio. Li refondis la Egiptan Esperanto-Asocion kaj organizis du kongresojn en Kajro en la jaroj 1945 kaj 1946.

S-ano Megalli laboris kelkan tempon en la redakcio de la gazeto „AL-Ahram", la plej fama egipta gazeto, kaj uzis la okazon ofte propagandi Esperanton per gi kaj aliaj gazetoj arabaj.

En la jaro 1949 li komencis mondvojaĝon kaj vizitis multajn eŭropajn kaj ekstereŭropajn, landojn kie li prelegis plurfoje pri sia hejmlando Egiptio ne nur en Esperanto-grupoj, sed ankaŭ publike—esperante, germane, angle kaj france.

Krom lia laboro kiel ĵurnalisto, li ankaŭ estas docento, prelegisto kaj lastatempe interpretisto.

La Estraro de TEĴA kaj la redakcio de „Int. Ĵurnalisto" tutkore salutas sanon Megalli okaze de lia 60-jariĝo kaj bondeziras al li feliĉon, laboremon kaj sukceson en lia poresperanta laboro kaj al lia familio bonan sanon.

---

(daŭrigo de p. 2)

**membro kaj dum la decembro la Estraro devas konigi al la membroj la rezulton. La forirantaj postenhavantoj devas transdoni siajn postenojn al la novelektitaj estraranoj la unuan de januaro venontan jaron. Ankaŭ se temas pri gravaj demandoj, oni uzas saman sistemon per poŝta voĉdonado.**

**11) TASKOJ DE LA CENTRA ESTRARO — (laŭ la malnova Statuto, 7. — ĝis la linio 13).**

**12) SERVOJ — (kiel la projekto de AVOTO, VII.)**

**13) VALIDIĜO — (kiel la projekto de AVOTO, IX.)**

**14) AMENDOJ — (kiel la projekto de AVOTO, X.)**

## LETERO AL LA REDAKCIO

*Estimata S-ano Keremidĉiev-Esperov,*

*Hodiaŭ atingis min via organo „Internacia Ĵurnalisto", kiun vi sendas interŝanĝe por nia Aŭstralia Esperantisto" (The Australian Esperantist). Mi esperas ke vi regule ricevas tiun organon.*

*En via organo mi legis raporton pri la fakkunveno ĵurnalista dum la Londona Universala Kongreso kaj ankaŭ mi legis la novan Statuton.*

*Mi ŝatus demandi vin ĉu mi povas fariĝi membro de TEĴA?*

*Mia modesta ĵurnalista agado konsistas el:*

*1. Mi estas vic-redaktoro de la aŭstralia gazeto „The Australian Esperantist", en kiu mi redaktas la rubrikon „Aŭstralia Kroniko", en kiu ni kolektas raportojn de niaj korespondantoj el la diversaj aŭstraliaj urboj, kie ekzistas Esperanto-Kluboj*

*2. De tempo al tempo mi sendas aerpoŝtajn raportojn al „Heroldo de Esperanto". Vidu ekzemple mian lastan artikolon en „Heroldo", n-ro 3(1520), sur la 1-a paĝo „La ministro de Turismo malfermis la Aŭstralian Esperanto-Kongreson".*

*3. Mi mem eldonas malgrandan gazeton (multobligitan) „Melbourne Esperanto News" (Melburnaj Esperanto-Novaĵoj) en angla lingvo, kiu aperas ĉiun 2-an monaton, do sesfoje jare.*

*Se mi ne eraras, la kotizo al TEĴA estas 1 usona dolaro. Mi ankaŭ ŝatus aliĝi al filio de TEĴA. Mi dubas ĉu vi havas azian filion, do, volonte mi aliĝos al la brita filio. Tiurilate, sendu al mi la adreson de AVOTO kaj diru ĉu estas aparta kotizo al la brita filio. Mi pensas, ke mi povas pagi la kotizon al S-ro A. W. Thamson, aŭ se vi preferas al la Sekretario (Kasisto) S-ro Dino Fabris, kies adreso ne estas konata al mi.*

*Demando: Ĉu vi havas membrojn en Japanio aŭ Nov-Zelando?*

*Ĉu vi havas membrojn en Aŭstralio? Ĉu S-ro Gamble estas membro de TEĴA?*

*Adreso: Box 2122 T G. P. O.*
*Melbourne 3001,*
*Aŭstralio*

*Kun samideanaj salutoj:*
*(Herbert Koppel, Vic-Sekretario de Aŭstralia Esperanto-Asocio)*

## RESPONDO DE LA REDAKCIO

*Tre estimata S-ro Koppel, dankon por via letero kaj emo aniĝi al nia TEĴA. Vi povas membriĝi al la brita filio. La adreso de S-ro Thomson estas trovebla sur la 8-a paĝo de „I. Ĵ". Tie vi trovos ankaŭ la adreson de S-ro Fabris — la sekretario-kasisto (Italio). En Aŭstralio membro estas S-ino Irene Fink. En Japanio nian organon ricevas S-roj Gunetaro Fujima (Osako) kaj Vashimi Umeda kaj en Nov-Zelando — S-ro Beseram Pots. Sed ili ne pagis membrokotizojn. S-ro Gamble ne estas membro.*

*Ni esperas, ke post via aniĝo al TEĴA kaj via vigla eklaboro, ni plimultigos la membraron en la Orienta regiono. Ek al laboro!*

## NIA POŜTO

B. Egon Breitenbach, Brazilo. Dankon por la leteroj kaj por la bondeziroj. La negrava urbo, en kiu vi nun loĝas, ne ĝenu vin. Sugestojn por plibonigo de „I. Ĵ". ni akceptas volonte. Kun danko ni akceptas vin kiel reprezentanton de TEĴA en via lando.



**BUDAPEŜTO —LA URBO DE LA FESTIVALOJ**

*Ĉi somere la ĉefurbo de Hungario — Budapeŝto atendas gastojn el la tuta mondo.*

*Budapeŝto estas belega urbo. Budapeŝtanoj estas gastamaj homoj. Do, oni pasigos agrablajn horojn en la urbo dum la festivaltagoj.*

**Adolf Stanura**

## SIMBOLOJ DE ESPERANTISMO

### Fragmentoj el Leteroj

### (Pri „La Standardo" — daŭrigo de n-ro 1 de „I. Ĵ.")

Jardekoj pasis.

Juna fervora esperantista verkisto vizitis la maljuniĝintan s-ron Michaux. iaman altan, fortikstaturan viron. Ne plu li estis vigla aganto en la Esperanto-movado. Li amariĝis.

Dum la jaroj de sia plena vivoforto li laboregis por Esperanto kaj estis li, kies eterna gloro restas, ke li organizis la Unuan Kongreson.

Al la verkisto li rakontis pri sia vivo kaj pri siaj idealoj.

„Grandan intereson mi havis pri homoj krimintaj. Unuavice estis tio kondamnitaj infanoj, pri kiuj zorgis en Bulonjo societo, kiun mi prezidis. En nia urbo ofte surbordiĝis homoj fuĝintoj, kiuj serĉis azilon en Francio, sed estis kaptitaj kaj juĝitaj. Por tiuj mi pledis antaŭ la tribunaloj."

„Mia agado por Esperanto estis varia", daŭrigis li. „Laŭ mia propono, loka fabriko produktis plumojn kun surskribo „Esperanto". Specimenojn mi sendis donace al la Majstro. . . Korege mia edzino kaj mi invitis lin kaj s-inon Zamenhof al Bulonjo, kaj ili estis niaj gastoj dum la Kongreso. Ĉio irus glate, sed gravaj parizaj samideanoj fariĝis miaj malamikoj. Tial la plej granda ŝarĝo, organizi la Kongreson, restis sur nia grupo kaj sur mi. Sed estis tio belaj tagoj, plenaj de novaj esperoj kaj atendoj. . . Louis de Beaufront, tiama tre grava persono en nia movado en Francio, kiun liaj kontraŭuloj nomis moke „Submajstro", kaj kiu min antaŭ jaroj varbis por Esperanto, ne vizitis la Kongreson en Bulonjo."

„D-ro Zamenhof devis aŭdi multajn riproĉojn kontraŭ sia preparita parolado kaj speciale kontraŭ la poemo „Preĝo sub la verda standardo", kiun li intencis deklami ĉe la fino de sia unua kongresa elpaŝo. Tio okazis dum vespermanĝo, kiun li partoprenis ĉe mi, antaŭ ol la kongreso estis malfermita. Sed la rezultato estis alia, ol la gvidaj francaj samideanoj supozis. La unua kongresa parolado de la Majstro estis akceptita per tondra entuziasma aplaŭdo."

„La tuta kongreso estis grandega sukceso por nia afero. Ofte mi rememoris tiam la historian tagon, la 7-an de aŭgusto 1904, kiam mi invitis en Calais 120 diversnaciajn gesamideanojn al la unua Esperanto-kongreso, kiun mi decidis organizi en 1905 en Boulogne. Tiam mi estis tre ĝojigita pro la sukcesa ĉefprovo, en Calais kaj Dover okazinta."

„Mi faris multajn varbajn prelegojn por Esperanto en Francio, Belgio, Nederlando kaj Anglio."

„En 1906, dum la dua Universala Kongreso en Ĉenevo, ni fondis Internacian societon de juristoj-esperantistoj, kaj mi estis elektita ĝia prezidanto."

„Tamen la disvastigado de Esperanto ŝajnis al mi malrapida kaj mi inklinis al ŝanĝoj. Sed ĉiuj reformaj klopodoj malsukcesis. Kun Ido mi neniam konsentis. Mi provis, sur bazo de la latina lingvo, krei lingvon novan, speciale mi pensis, ke ekzemple la kuracistoj insistos ĉiam unuavice pri la lingvo latina. Sed mia „Romanal" ne trovis aprobon kaj ne disvastiĝis, ankaŭ ne inter la kuracistoj."

„Krome, mi havis certajn planojn pri la organizado de la Esperanto-movado. Tiuj planoj ne estis akceptitaj. En Bulonjo ni havis la plej fortan Esperanto-

## Nova servo serĉas kunlaborantojn

La plej nova servo starigita de UEA petas helpon kaj daŭran kunlaboron. Temas pri la Scienca Tradukservo, kiu celas disponigi Esperantajn tradukojn de gravaj nacilingvaj sciencaj artikoloj kaj tiamaniere trarompi la lingvajn barojn, kiuj obstaklas la racian progreson de la scienco. Antaŭ ol tia servo povas plene ekfunkcii, ĝi devas starigi sliparon pri jam ekzistantaj tradukoj kaj pri personoj pretaj kaj kapablaj fari novajn tradukojn laŭpete. André Heck, la administranto de la Tradukservo, alvokas ĉiujn personojn, kiuj konas sciencajn artikolojn jam tradukitajn en Esp., sciigi al li la kompletajn bibliografiajn detalojn kaj samtempe invitas ĉiujn, kiuj pretus kunlabori en la tradukado, anonci al li siajn nomojn, adreson, lingvoscion, sciencajn kvalifikojn, ktp Lia adreso: rue du Chéra 49, B-4000 Liège, Belgujo.

## INFORMA SERVO EN BUDAPEST

La hungara Fremdultrafika Informa Servo proponas siajn servojn, kaj—laŭ via peto—volonte sendas esperantlingvajn informmaterialojn pri ĉiuj eventoj interesaj el fremdultrafika vidpunkto. Kiel vi jam certe scias, en julio de k. j. okazos en Budapeŝto Hungara Kutur-Festivalo. Certe interesus viajn legantojn vojaĝantajn al Hungario fremdultrafikaj informoj pri nia lando.

Se vi deziras uzi niajn materialojn, ni volonte enlistigos vin kaj regule sendos al vi ĉiujn niajn informfoliojn.

Adreso: S-ino Katerina Gottler, Fremdultrafika Informa Servo,
Budapeŝt VII, Rakoczi ut. 52.
P. O. B. 36. BP. 70, Hungario.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

S-ro H. B. Franks, II, Victoria Avenue, Ore Hasting, Sussex, Anglio.

S-rino Z. J. Sotiraki, 109, Shepherds Bush Road, Brook Green, London, W. 6. Anglio.

Herbert Koppel, Box 2122 T., G. P. O., Melbourne 3001, Aŭstralio.

---

grupon en la mondo. Ĉi havis 850 membrojn. Ŝajnistamen, ke la organizado de la Esperanto-movado devas esti alia. En septembro 1911 mi organizis ĝeneralan kunvenon de la grupo, kaj laŭ mia propono, ĝi likvidiĝis. Certe tio estis grava bato ne nur por la movado, sed ankaŭ por la Majstro mem."

„S-ro Maurice Duchofhois, kiu kun d-ro Sergeant kaj mi mendis la unuajn Esperantajn standardojn, estis ankaŭ juristo, poste direktoro de glaciejoj kaj ekipisto de ŝipoj por fiŝkaptado. Liaj ŝipoj estis la unuaj navigiloj, sur kiuj flirtis la Esperantaj flagoj. Ambaŭ tiuj sinjoroj estis miaj amikoj kaj tre oferemaj kunlaborantoj en la movado" diris s-ro Michaux konklude de siaj rememoroj

### 3. NIA HIMNO

En la laborĉambro de barono Félicien Menu de Ménil regis agrabla etoso. Estis bela printempa tago kaj la barono kune kun sia edzino, baronino Sophie Marie-Aline, sentis sin feliĉaj.

Multon jam ili estis farintaj por Esperanto. Hodiaŭ matene s-ro barono en presejon sendis la manuskriptojn por la plej proksima numero de „La Revuo" kaj nun li emis iom ripozi, sed ne maldiligenti. Lia epzino kaj amata kunulino estis preparanta prelegon pri kristana temo por la pariza Esperanto-societo. S-ro barono estis ordiganta siajn aĵojn kaj jen li ekvokis subite:

„Ĝuste antaŭ dek jaroj mi fariĝis esperantisto! Je la 29-a de aprilo 1901 unuafoje mi transpaŝis sojlon de ĉambro, en kiu oni instruis Esperanton!" Kaj li montris al sia edzino sian kursan kajeron, kiun li hazarde trovis ordigante la paperojn, kaj en kiu estis enskribita la dato 21—IV—1901 sur la unua linio.

Nun la geedzoj havis okazon komenci rememoradon pri sia agado por la Esperanto-movado.

La laboro jam plenumita estis granda, kaj pri multaj aferoj ili laboris ankoraŭ.

S-ro Félicien rememoris sian unuan Esperantan instruiston, profesoron Karlo Bourlet, kiu komencis la instruadon, estante mem komencanto. La kurson organizis s-ro Louis de Beaufront kaj aliĝis tiom da interesuloj, ke lia ĉambro ne sufiĉis. Oni do devis formi duan grupon, gvidatan de Bourlet.

Tio estis tempo de fervora studado. Venis vivaj vesperoj en grupo pariza, perfektigado kun la kara edzino Sophie, kies koro dividiĝis inter la edzo kaj Esperanto. Jam en decembro 1903 s-ro Félicien eklaboris pri „Tutmonda Jarlibro Esperantista", kaj poste dum 7 jaroj redaktis ĝin.

Ĝojaj estis la tagoj en Calais kaj Dover en aŭgusto 1904. Kaj kiel sopire oni atendis poste la la Unuan Kongreson . . . .

En tiu tempo s-ro Félicien jam havis preta la melodion al la poemo „La Espero". Kaj li sciis, ke li ne estas la unua, kiu kreis muzikon por ĝi. Plurfoje jam li aŭdis tiun, kiun en 1891 verkis sveda majoro, s-ro Claes A. Adelsköld. Ĝi gravuriĝis en la memoron de Félicien kaj li sciis ĝin kanti.

Kaj la barono alpaŝis al la piano, malfermis ĝin kaj el la instrumento eksonis la tonoj de la melodio de Adelsköld.

„Ĝi estas bela", diris Sophie post kelkaj taktoj, „kaj kvankam ĝi estis longe prezentata kiel oficiala himno de la esperantistoj, fine venkis via melodio, kara Félicien."

„Ĉu vi scias, Sophie, ke majoro Adelsköld disdonis sian verkon jam en 1891 al ĉeestantoj de la Kongreso de Paco en Romo?" demandis la barono. „Nur antaŭ nelonge mi eksciis tion."

## SUKCESO DE LA BULGARAJ TURISTOJ-ESPERANTISTOJ

Bulgario estas turista lando. La Centro pri turisma propagando kaj reklamo ĉe la Komitato pri Turismo ĉe la Ministra Konsilantaro, krom aliaj prituristaj materialoj, eldonas ankaŭ bultenon titolitan „Bulgario — Turisma Informo" en diversaj lingvoj. Dank' al la klopodoj de la Turista Sekcio ĉe Bulgara Esperanto-Asocio la Centro pri Turisma Propagando kaj Reklamo komencis ekde januaro 1972 eldoni la Bultenon ankaŭ en Esperanto.

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

„Bulgario — Turisma Informo" n-roj 1 kai 2. Eldonas: Centro pri Turisma Propagando kaj Reklamo, str. Dobruĝa 2, Sofio, Bulgario. Bultenetoj 8-paĝaj. Oni povas mendi la Bultenon ankaŭ ĉe: Nikola Nikolov, ĝenerala sekretario de Monda Turismo, P. K. 45, Sofio, Bulgario.

---

Deziras korespondi pri sociaj kaj pacamaj problemoj nia kolego: Dimitr Kalĉev, ĵilkompleks „Lenin", blok 13—II, Sofia, Bulgario.

## LOKA TV-KURSO EN USONO

Nova televida kurso de Esperanto komenciĝis en Usono en februaro 1972, dum la Semajno de Internacia Amikeco. Elsendas ĝin loka stacio, kiu servas al la urbo Pittsfield, Massachusetts, kun 60 000 loĝantoj. Ĝi daŭros 13 semajnojn, po du duonhoraj lecionoj semajne. Instruas la delegito de UEA por Pittsfield, s-ro Allan Boschen, kaj helpas multaj anoj de la regiona Esperanto-organizaĵo. La kurso unuavice pritraktas la konversacian lingvaĵon.

Temas pri la dua loka TV-kurso en la historio de Esperanto. La unua okazis en Sao Paulo, Brazilo, en 1965, kun atingopovo de pluraj milionoj de spektantoj. Tutlanda kurso okazas nuntempe per la nederlanda televido, kaj same tutlanda kurso por Slovakujo komenciĝos ĉe TV Bratislava en la fino de 1972. (IGS)

## EN HAMBURGO—MONDA KONGRESO SEN INTERPRETISTOJ

Inter la unuaj kongresoj internaciaj, kiujn gastigos la nov-konstruita moderna kongrescentro de la urbo Hamburgo, estos la 59-a monda kongreso de Esperanto. La Esperanto-Kongreso, ĉe kiu estas traktataj la problemoj de instruado, disvastigo kaj aplikado de la internacia lingvo Esperanto, troviĝas regule inter la plej grandaj internaciaj kongresoj, ricevante foje ĝis 5 000 partoprenantojn. La meza nombro de ĝiaj kongresanoj estas 2 100. Pri la urbo de la monda Esperanto-kongreso — ĉiujare en alia lando — decidas la monda Esperanto-asocio UEA kun sidejo en Nederlando. La venontaj kongresoj okazos en Portland, Oregon, Usono (1972), Beograd, Jugoslavio (1973) kaj Hamburgo, FR Germanujo (27-a de julio ĝis 3a de aŭgusto, 1974). (IGS)

---

„Sed ne nur li, multaj aliaj ankaŭ komponis la muzikon por tiu poemo de Zamenhof. Oni adaptis por ĝi ankaŭ la melodion de Gavoto. Sed vane — ĉiuj estas forgesitaj."

„La afero estas iom kurioza", rediris la barono. „Zamenhof mem pli ŝatis sian poemon „La Vojo ol „La Esperon". En tin senco li skribis antaŭ kelkaj jaroj al s-ano Deshayes. Sed ne nur tio, por la Unua Kongreso en Bulonjo li verkis „Preĝon sub la verda standardo", kaj pri tiu li pensis, ke ĝi povus fariĝi himno. Sed finverkinte ĝin, li ne estis kontenta pri ĝi."

„Kaj nun, ĉe ĉiuj kongresoj oni ludas „La Esperon" kun via melodio. Kaj ankaŭ oni kantas ĝin ĥore, kvankam oni neniam voĉdonis pri tio."

„Jes, ĉe neniu kongreso estis farita ia oficiala decido pri la himno."

Ambaŭ geedzoj eksilentis por kelkaj momentoj.

„Kiel fratoj sin sentis ĉiam la ĉeestantoj ĉe la kongresoj — diris subite Sophie—kvankam okazis ankaŭ aferoj skandalaj."

„Okazis aferoj forte aplaŭdataj, kiuj poste montriĝis kiel hipokriteco" — aldonis la barono.

„Certe vi pensas pri la interkisado de la Majstro kun Louis de Beaufront dum la Dua Kongreso en Ĝenevo, en 1906 — ĉu ne? Mi miregas, kiel Beaufront povis elpensi, ke filozofo Ernest Naville sendas kisojn al la Majstro per li. Kiel Beaufront ridindiĝis nian movadon! Kaj ĉe tio, Naville estis amiko de Esperanto!"

„Poste li protestis kontraŭ la fantaziaĵo de Beaufront", diris la barono, kaj pluparolis: „Se ni estos sanaj, ni faros ankoraŭ multe por Esperanto, ĉu jes, mia kara. Kiom da prelegoj jam vi faris en Esperanto, kiel multe vi laboris por la katolika movado, por ĝiaj kongrosoj, kiel multe vi laboris partoprenante la organizadon de la Tria Kongreso en Cambridge. Kaj via libro „La morala edukado de la popola infano".

„Mian laboron oni ne povas kompari kun la via", rediris Sophie. „Ne estas malgranda via laboro. La direktorado en „Franca Esperantisto", la ĉefredaktorado en „La Revuo", via „Muzika Terminaro," la propaganda komedio „L' Héritage Klodarec", la verko „Les préjugés contre l'Espéranto", kaj viaj artikoloj en ĉiuj Esperantaj gazetoj, tio estas verko, pri kiu ne ĉiu dekjara esperantisto povas fieri."

„Ni ne parolu tro pri tio", opiniis Félicien. „Mi estas feliĉa ĉefe pro „La Espero". Ke mi komponis melodiojn ankaŭ por multaj aliaj Esperantaj poemoj, kiujn oni nur tre sporade prezentas, tio estas afero de mia ŝatokupo, kiu versimile ne eniros la historion de la esperantista movado."

* * *

Eminentaj esperantistaj verkistoj aprezas la himnon „La Espero" tiel: „La gvidanto parolas al siaj adeptoj kaj ankaŭ al tiuj, kiuj jam ne sekvas lian standardon, kaj montras al ili la logan bildon de l'estonteco." — Arnold Benrendt en „Kongresa Jubilea Libro", 1933.

„La muziko estas tre marŝiga, veka. Io kvazaŭ meza inter la Marseljezo kaj la Internacio. Sentiĝas en ĝi la franca temperamento, malgraŭ ke la vortoj tute tion ne esprimas." — Eduarh Wiesenfeld en Enciklopedio de Esperanto, 1935.

**FINO**

**BIBLIOGRAFIO:**

L. Kökeny — B. Bleier: Enciklopedio de Esperanto, Budapest 1933—35.

G. Waringhien: Leteroj de L. L. Zamenhof, Paris, 1948.

*La Esperanto — elsendoj kaj la modela programo de la elsendoj de la Pollanda Radio, la bone organizita amasa laboro de la Esperanta Redakcio kaj la konstanta kunlaborado al la redakcio instigis la redakcion de „Int. Ĵurnalisto" aperigi sur la paĝoj de nia revueto la programon de la Pola Radio — Esperanta Redakcio — por montri la laboron de niaj kolegoj, organizantoj de la Esperantaj elsendoj, kiel valoran sperton. Tiu sperto estas imitinda!*

# LA ESPERANTO-ELSENDOJ DE LA POLA RADIO

Radio Varsovio disaŭdigas en Esperanto ĉiutagajn elsendojn kaj krome E-anguletojn en nacilingvaj elsendoj je la jenaj horoj kaj ondolongoj:

6,00 h. — ondolongoj: 41 m., 49 m., 200 m.
16,30 h. — ondolongoj: 31 m., 41 m.

E-anguletoj kadre de la germanlingvaj elsendoj estas aŭdigataj du fojojn ĉiudimanĉe je la:

17,30 h. — ondolongoj: 41 m., 49 m.
22,00 h. — ondolongoj: 31 m., 41 m., 49 m.

E-anguletoj kadre de la svedlingvaj elsendoj estas aŭdigataj ĉiudimanĉe per la ondolongoj: 49 m. 200 m.

E-anguletoj kadre de la danlingvaj elsendoj estas audigataj ĉiudimanĉe per la ondolongoj: 41 m., 49 m.

La E-anguletoj en la nacilingvaj elsendoj de la Pola Radio estas aŭdigataj ĉe la fino de la koncernaj 30-minutaj programoj.

La elsendo-horoj estas indikitaj laŭ la mezeŭropa tempo.

La supre menciitaj ondolongoj validas nur ĝis la fino de aprilo 1972. De la komenco de majo 1972 ni disaŭdigos niajn elsendojn per iom ŝanĝitaj ondolongoj. Se vi deziras regule, du fojojn en jaro, ricevadi nian presitan program-informilon, skribu al ni kaj tre legeble indiku vian korespond-adreson.

* * *

En niaj E-elsendoj, kiuj estas konsiderataj kiel la plej diversflankaj kaj plej multtemaj el inter la E-elsendoj en la mondo (aŭdigataj ĉiutage de la 4-a de aprilo 1959!), vi trovas novaĵojn, komentariojn, felietonojn kaj vort-muzikajn elsendaĵojn pri la ĉiutaga vivo en Pollando, kulturajn kaj literaturajn elsendaĵojn, kaj ankaŭ Esperanto-temojn. Ĉi-lastaj temoj estas prezentataj ĉefe en la magazino „Esperanto-ekspreso" (aŭdigata dimanĉon je la 16,30 h. kaj lundon je la 6,00 h.), en la rubriko „El la vivo de la Pola Esperanto-Asocio" (aŭdigata merkredon je la 26,30 h. kaj ĵaŭdon je la 6,00 h.), en „Leterkesto" (*aŭdigata ĵaŭdon je la 16,30 h. kaj* vendredon je la 6,00 h.).

E-temoj plej abundas tamen en la „Esperanto-ekspresoj", en kiuj ni disaŭdigas i. a. la jenajn konstantajn rubrikojn: „Niaj aŭskultantoj sciigas", „Kluboj — la bazo de nia movado", „Pola gazetaro pri E-o", „Novaĵoj de PILO-PRESS", „El la E-gazetaro" „Esperantistoj por la rekonstruo de la Reĝa Kastelo en Varsovio", „E-o ankaŭ por la sporto", „El la junulara E-movado". En „E-ekspresoj" ni ankaŭ disaŭdigas felietonojn, recenzojn, intervjuojn, sonraportaĵojn pri E-aferoj aŭ aranĝoj.

Se vi interesiĝas pri E-kanzonoj, vi trovos ilin ĉefe en niaj „Koncertoj kun bondeziroj" (aŭdigataj lundon je la 16,30 h. kaj mardon je la 6,00 h.).

Valoras substreki, ke ĉiumonate ni aranĝas „Konkurson pri la plej interesaj leteroj de la monato". Valoraj popolartaĵoj, fotoalbumoj, polaj kaj esperantaj diskoj, E-eldonaĵoj atendas la skribemajn aŭskultantojn.

Kelkfoje en la jaro Pola Radio aranĝas por siaj eksterlandaj aŭskultantoj grandajn konkursojn, en kiuj ĉiufoje la ĉefpremioj estas senpagaj ekskursoj tra Pollando. Ni akcentu, ke ĉi tiujn ĉefpremiojn en la lastaj jaroj gajnis jam 12 niaj esperantistaj aŭskultantoj, kiuj sekve povis senpage viziti la plej interesajn kaj pitoreskajn lokojn de la patrujo de Esperanto—Pollando. Se tiaj grandaj konkursoj interesas vin, jam nun petu ĉe ni la *regularon.*

* * *

Estas menciinde, ke Pola Radio disaŭdigas ankaŭ en la jenaj lingvoj: angla, araba, ĉeĥa, dana, finna, franca, germana, hispana, itala kaj sveda. Presitaj program-informiloj estas riceveblaj ĉe ia koncernaj Redakcioj (skribante ne forgesu mencii, ke vi estas esperantisto!).

Valoras ankaŭ aldoni, ke informojn pri la E-movado en Pollando kaj pri aliaj E-demandoj tiuj ĉi redakcioj povas pritrakti en siaj nacilingvaj elsendoj laŭ petoj de unuopaj personoj. Tiuj redakcioj, kiuj, disaŭdigas „Koncertojn", de tempo al tempo, laŭ apartaj petoj, prezentas en siaj programoj E-kantojn

* * *

Apartan atenton en nia laboro ni ligas al la skribaj reagoj de niaj aŭskultantoj. Interesas nin — ĉar ili helpas en nia laboro — la rimarkoj kaj impresoj *pri la tuta programo aŭ unuopaj elsendaĵoj*, informoj pri la aŭdebleco kaj sugestoj pri ŝanĝoj, plibonigoj, lingvouzo ktp. Nia devizo estas: Ni komune, kun niaj aŭskultantoj, redaktas la programojn de la E-elsendoj!

Kaj do — aŭskultu niajn elsendojn kaj skribu al ni. Ni faros ĉion eblan, por ke nia reciproka kontakto estu kaj agrabla kaj utila.

POLA RADIO — ESPERANTO-REDAKCIO

*ESTRARO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, PO. Box 59, 5501 Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Nikolaj F. Danovskij, 103009 Moskva K 9, Do vostrebovanija, Sovetunio;*

*Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Ĥristo Botev 98, Sofio 2, Bulgario (samtempe kasisto por Oriento kaj Ĉefredaktoro de la organo de TEĴA „Internacia Ĵurnalisto"); Tadros Megalli, D-8191, Münsing, Germanio (GFR).*

*Ĝenerala sekretario kaj kasisto por Okcidento — Prof. Dino Fabris, C. P. 49—35013 Cittadella (Padova), Italio.*

*Estraranoj: — A. W. Thomson, 315 Bellegrove Road, Eweling, Kent, Anglio. D-ro A. Milwurf, Anglio.*

*Emil Mayer, Florianska 4, Krakow, Pollando.*

*Komitatanoj kaj reprezetantoj deTEĴA*

*Rumanio — Stefan Freamat, str. Gabriel Peri, 4, Bucuresti*

*Israel — Oskar Berman, rehov Tarna 49, P. K. Hedera.*

*Vjetnamio—Dao-Anh-Kha, No Quoctenou Rv Vjetnam, Hanoi (via URSS).*

*Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.*

*Germanio (GFR) — Maria Vogel, Kniepestrasse 31, Stuttgart*

*Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu Kr Kogawa.*

---

*La Estraro de TEĴA sciigas al la membroj de TEĴA ke se venos en Budapest pri la 5 ĵurnalistoj, oni organizos TEĴA—renkonton.*

*La vizitontoj Budapeston sin anoncu al la reprezentanton de TEĴA hungarlanda*

*Brazilo — B. Egon Breitenbach, CRT — Sao MRCOS-RS*

Hungario — Ervin Fenyvesi, Budapest, XIV, Kacsoh P. u. LTP. ii.

*Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lotzweg 15, Landeck, Tirol.*

*Francio — Jean Dalet, 79 — bis du Chateau, Asniers (Seine).*

*Usono — Conrag Fisher, Sekretary, R. F. F. I. Calvin Street, Meadville, Pensylvania 16335.*

*Aŭstralio — S-ino Iréne Fink, F. C. Box, Mont Wavwrlev, Victoria.*

*Ĉiuj estraranoj kaj reprezentantoj de de TEĴA laboraj por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro-kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si ĝis kiam aperas ebleco transdoni ilin al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".*

*La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto" jam estas 1,20 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.*

## KOREKTOJ

En n-ro 3—4 (1971) de „I. Ĵ." estas preterlasita malagrabla eraro. La nomo de la Dagestana poeto estas korekte Rasul Gamzatov.

La projekto-statuto, presita en la n-ro 1 de „I. Ĵ." estas donita de s-ano Nik. Danovski.

*Gekolegoj, pagu vian membrokotizon aŭ abonkotizon al vialanda estrarano aŭ reprezentanto de TEĴA. Se eble, vi povas sendi la kotizon ankaŭ rekte al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" — al la redaktoro. Bv. vidi lian adreson sur la 8-a paĝo de la revuo — malsupre. Sen via financa apogo nia kara revueto ne povus aperi regule kaj en bona formo.*

---

**Ĉefredaktoro : Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redaktoroj: M. Conkovski kaj R. Konstantinova**